

# PENSEO

N-ro 155

sept./2004

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 15-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm

## Al 80-jara W. Auld

**Shi Chengtai**

Sidante vi *En Barko Senpilota,*
ĉiam vagas sur la senlima maro
por serĉi saĝan fonton de l' homaro
kun la nomata verda kor' devota.

Vi zorgas pri *la ĉevalido* trota,
alvenas al vi la okdeka jaro.
Sidante vi *En Barko Senpilota*,
ĉiam vagas en la senlima maro.

En la barko sufiĉas rara varo,
eĉ *Pajleroj kaj Stoploj*. Beno oda
al vi, jen post vi iras vico flota
de l' Verdkulturo spite al mistralo,

Kaj ne nur vi en barko senpilota…



2004-09-06, Tailai, Ĉinio

## Almozulo en Suzhou

Kiam s-ino Zhang, juna novedzino en urbo Suzhou, vizitis revenen post edziniĝo al hejmo de siaj gepatroj, ŝia servistino veturis laŭ ordono postsekvante ŝin kun kesto da juvelaj ornamaĵoj. Duonvoje la servistino vizitis al necesejo kaj perdis la keston. Ŝi rimarkis la akcidenton nur kiam ŝi rekomencis sian veturon. Ŝi haste returnis sin serĉi laŭ irita vojo, kaj trovis ke almozulo gardis apudvoje la perditan keston.

La almozulo redonis al ŝi ĉiom da riĉaĵo, dirante: "Kiel misfortunulo, kial mi prenu la fremdan riĉaĵon?"

Kun granda surprizĝojo la servistino donacis al la almozulo unu harpinglon por danki. Sed tiu rifuzis kaj respondis ridante:"Se mi ne volas preni eĉ la pli multon, ĉu mi ankoraŭ devas preni la solan harpinglon?"

La servistino dankis sincere: "Kun kulpo perdi la keston, ĉu mi ankoraŭ kuraĝas iri al mia mastrino? Ho ve, la sola elirejo por estis nur sin-mortigo. Tamen feliĉe ke vi redonis tion al mi, tial, tio signifas fakte mian vivon! Eĉ se vi ne volas akcepti mian dankon, tamen, ĉu mi kuraĝas forgesi vian grandan favoron? Mi loĝas en strato N. En estonteco, mi atendos vin ĉiutage je horo de tagmanĝo kaj mi donos al vi tagmanĝaĵon!"

"Se vi vivas en profunda domo," demandis la almozulo, "kiel vi povus scii pri mia alveno?"

"Facile!" respondis la servistino, "ĉar antaŭ la domo kreskas alta bambuo. Skuu ĝin kaj mi ekscios ke vi alvenas."

La almozulo vere agis laŭ ŝia admono kaj la servistino ofte donacis al li manĝaĵon. Post multafoja vizitado tion sciis ankaŭ aliaj lakeoj kaj raportis al la dommastro, kiu suspektis pri kaŝita intrigo kaj prijuĝis la koncernaton. Faktoj estis konfesitaj.La dommastro tre admiris kaj alvenigis la almozulon kaj dungis lin servisto, kaj poste eĉ parigis al li la

servistinon kiel edzinon.

La anekdoto vidiĝis en la libro "Rakontoj". Laŭ onidiro tion rakontis s-ino Jiang, lia onklino. Bedaŭrinde perdiĝis la nomoj de la protagonistoj.



La almozulo estis honesta kaj grandanima. Se li laboras kiel servisto, li certe estos honesta bona servisto. Aŭ, se li funkcios kiel ŝtatoficisto, li certe estos honesta justama mandareno . Ke la mastro parigis la servistinon edzino al li, tio estas vere prava ago.

tradukis Guozhu

el la 7-a volumo de "Kolektitaj Vortoj de Tang-dinastio"




Jin Bo

Kun antikvece impona konstruaĵo, la Branĉo Ĵazo-Voja de Banko X situas ĉe la plej homplena kaj multokupita distrikto de la urbcentro, donante la impreson de prospera negocado.

Tagmeze de tiu tago —— la momento, kiam kompare malmultis klientoj, la svingpordo de la banko malfemiĝis malpeze. Kun paŝbruo, juna blondulino eniris la halon de la banko, tenante mansakon. Ŝi sin direktis rekte al la giĉeto de kreditado kaj frapetis sur la giĉetvitro. “Mi volas monprunti, s-ro.”

Ĝenerale, la profito de bankoj naskiĝas depende de monpruntado. Vidante la elegantan klientinon, kiu memvole postulas krediton, la komizoj senhezite ŝin akceptis kaj klarigis al ŝi ĉion necese farotan pri monpruntado ĝentile kaj zorgeme.

La fraŭlino bezonis cent milon da usonaj dolaroj. Laŭ la reguloj de lombardado, ŝi proponis sian tutnovan aŭto BW kiel garantion. Akompanate de ŝi, la komizoj unue kontrolis la aŭton: bonege, vere fabrikita en Germanio, ĝi havas novan stilon kaj tuton da funkcioj, kaj krome, al ĝi instaliĝas novtipa inteligenta alarmiga sistemo de sekureco —— videble ĝia valoro plimultas ol cent milo da dolaroj.

Poste, la komizoj kontrolis ŝiajn diversajn dokumentojn de aĉetado kaj veturigado, kiuj estis laŭleĝaj kaj senmankaj. En la okuloj de tiuj spertoriĉaj komizoj, neniu dubo troviĝis en kontrolado.

“Bone, fraŭlino! Bonvole traktu la oficialan proceduron de lombardo.”

Post kiam ĉiuj tabeloj estis nete plenigitaj, karto por eltiri kontantan monon doniĝis al la monpruntantino.

“Ne! Bonvolu deponi la sumon en via banko.”

La komizo ĵetis al ŝi ekrigardon, sentante ion neatendita. Tamen li tuj procedis pri la deponado. Jes, ĉu ekzistas financaj reguloj, ke la freŝe elpruntita mono ne licas deponiĝi denove? Klientoj estas dioj, kies laŭleĝajn kaj laŭrezonajn postulojn oni ne povas kontraŭstari.

Post kiam ĉiuj formalaĵoj estis finitaj, la eleganta kaj belaspekta fraŭlino, balancinte sian kapon ridete, sin direktis al la pordo kun granda kontento.

“Bonvole atendu momenton, fraŭlino Luvis!”

Tiam aŭdiĝis fremda voĉo. Turninte sian kapon, ŝi vidis kvindek-al-sesdek-jaran maljunulon kun arĝentkoloraj haroj, granda ventro kaj dikaj vangoj, vestitan okcidentstile. Antaŭe, kiam ŝi trapasis la formalaĵojn, li dumtempe servis kiel helpanto ĉe la komizo.

“Por kio vi vokis min, s-ro?” demandis Luvis.

“Mi prezentu min al vi. Mi nomiĝas Vejdeman Ejvejc, la estro de la banko. Vi estas honorinda kliento. Vi estas bonvena al ni por via bankaj aferoj. Ĉu vi permesas, ke mi elmetu demandon al vi?”

“Sinjoro Vejdeman? Kian honoron mi havas!

bonvolu demandi," Luvis diris respektoplene.

"En mia memoro, ĉiuj klientoj, kiuj venas ĉi tien por monprunti, estas en urĝa bezono de mono. Kial vi deponis la freŝe elpruntitan monon?"

"Ĉu vi volas scii la kialon?" ŝi montris rideton.

"Kompreneble. Tio ŝajnas nekonforma al la principo de financa mastrumado."

"Bone. Tiel okazas, s-ro Vejdeman, ke mia kliento estas veturonta eksterlanden kaj revenos post unu jaro. Li maltrankviliĝas de neniu aĵo, kiun li posedas, sed la freŝdate aĉetita aŭto BW, por kiu li malfacile trovas sekuran lokon por deponi. Li konsultiĝis ĉe ĉiuj remizoj en la urbo por ĝin deponi. La kosto por deponado de la aŭto altiĝas ĝis kvin dek milionoj da usonaj dolaroj. Pro sia amata ĉevaleto, li ne domaĝas monon, sed neniu aŭtdeponejo garantias pri la absoluta sekureco de la aŭto. Se ĝi estus ŝtelota, mi povas imagi kio okazus al mia kliento. Senrimede li turnis al mi por helpo. Li diris, ke se mi tenas la aŭton sindifekta ĝis lia reveno, li preferas doni al mi cent mil dolarojn kiel honorarion. Ĉe tiuj vortoj, mi tuj konsentis. Tamen, mi postulis, ke la proprieto de la aŭto metiĝu sub mia nomo portempe, kaj post unu jaro mi redonos ĝin sendifekta. Pri tio la kliento konsentis. Sekve ni surskribis kontrakton kaj petis pruvon ĉe la notaria oficejo..."

"Do..." S-ro Vejdeman, kapjesante, daŭrigis, "do, vi lombardis la aŭton kontraŭ la elprunto de mono. la banko estas absoluta kompetenta gardanto, kiu povas teni la aŭton sendifekta. Kvankam la intereza procento de elprunto de mono ĉiam pli altas ol tiu de mondeponado, tiu honorario de cent mil dolaroj sufiĉe povas kovri la saldon inter ambaŭ, kaj vi certe profitos el tio je miloj da dolaroj..."

"Pravas," diris Luvis ne sen fieremo. "Mi kapablas fari tion, kion oni ne kapablas —— tio ankaŭ estas mia moto."

"Fraŭlino Luvis, via sagaceco ombras min. Ĉu mi povus scii, kie vi oficas? Se plaĉas al vi, bonvole prenu oficon en nia banko. Mi donos al vi kontentigan oficon kun alta salajro. Ĉe ni mankas tiaj kompetentuloj en financa mastrumado kia vi."

"Dankon. S-ro Vejdeman, vi estas elstara financisto. Kiel doktoro de financa studfako, mi eĉ sonĝas labori sub via gvido."

"Se tiel, vi konsentas, ĉu ne?"

"Ne! Mi jam havas mian entreprenon. Mi estas kreinto kaj direktoro de 'Financa Kompanio de Novaj Ideoj'.Jen estas mia nomkarto. Mi esperas, ke ni kunlaboru refoje estonte."

Okulsekvante fraŭlinon Luvis, kiu malrapide trapaŝi Ĵazo-Vojon, li nereteneble glatigis sian grizblankan barbon...

elĉinigis **Vejdo**



# Poemoj de Bei Dao

## Foriru

Foriru,
folioj blove falas en profundan valon,
kantvoĉ' ne konas sian finan ripozejon.

Foriru,
lunlumo sur glacio
filtriĝis jam el la surfac' rivera.

Foriru
okuloj fiksrigardas al ĉiel' la sama,
la koro batas la tamburon krepuskecan.

Foriru,
ni ne ankoraŭ perdas rememoron,
ni serĉu l' lagon de la vivo.

Foriru,
jen vojo, vojo
kovriĝas per papavoj ruĝaj.

## Rememoro

kandellumo
flagris sur vizaĝo ĉiu
forlasante spuron ajnan
ondfloretoj de la ombro
frapetis muron blankan
la lir' surmure pendigita
eksonadis neatente
kvazaŭ mastlampoj enakve
flustris sekrete
jes, hieraŭ...

mano kovris duonvizaĝon
ankaŭ la konfuzon de l' arbaro
vi malrapide fermis okulparon
jes, hieraŭ...

ŝirmis vi per beroj vesperruĝon
ankaŭ vian propran tim-hontemon
kapbalancis vi ridete:
jes, hieraŭ...

alumeton vi bruligis
vi ĝin tenis inter niaj koroj
vi mordetis viajn lipojn palajn:
jes, hieraŭ...

metis vi paperboaton en akvfluo
kiu portis nian ĵuron amkomencan
vian korpon turnis vi decideme:
jes, hieraŭ...

## Bordo

kun int' kaj anto kune
la bord' levtenas altan fragmiton
kiu rigardas ĉirkaŭen
jen vi
gardas ĉiun ondon
ĉarman surfon , stelojn
kiam singultas la luno
vi blovludas boatkanton
tiel tristan

bord' mi estas
fishaven' mi estas
mi etendas ambaŭ brakojn
atendante la boaton de malriĉa knabo
portantan boatlampojn
oranĝoj maturiĝas

oranĝoj maturiĝas
oranĝoj plenaj je sunlumo maturiĝas

lasu min eniri vian koron
kun pezega amo

oranĝoj maturiĝas
ĝiaj ŝeloj ŝprucas akvvaporon delikatan

lasu min eniri vian koron
ĉagreno iĝas font' de ĝojo

oranĝoj maturiĝas
amaraj filamentoj volvas ĉiun fruktpecojn

lasu min eniri vian koron
por serĉi mian sonĝon rompiĝintan

oranĝoj maturiĝas
oraĝoj plenaj je sunlumo maturiĝas

elĉinigis **Linglong**

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@elerno.net
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.net/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_